Oficiala Organo de la Internacia 'VEGETARA LIGO ESPERANTISTA.

# VEGETARANO

Oficiala Organo de la internacia MOVADO POR ĈASTA VIVO.

TRIMONATA BULTENO. MEMBRA KOTIZO AŬ ABONO JARE NEDERL. FL. 2. —

Adreso: Oscar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel (Germanujo), Alsterkrugchaussee 586 (redaktanto-kasisto)

LANDAJ SEKRETARIOJ DE V. L. E. AŬ ABONOJ EN ŜTATA MONO:

Aŭstrujo: sendu 4 ŝilingojn rekte al la redaktanto.

Belgujo (f 10.): S-ino Y. Colijn, rue Rosendaal-straat 148, forest-Vorst, Bruselo Poŝtĉeka konto 30959.

Bulgarujo: Unuiĝo de Vegetaranoj-Esperantistoj en Bulgarujo, kotizo kun bulteno L. 30.—, sekretario Dimitr Simeonov,Vitoŝka 48, Sofio.

Ĉeĥoslovakujo (Kč. 20. —): D-ro Rudolf Hiekel, Mareschgasse 4, II., Leitmeritz.

Danujo (K 3. 50): F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6, II., København-K.

Estonujo (Emk. 250): F-no Helmi Dresen, postkast 6, Tallinn.

Finlando: sendu 30 finmarkojn rekte al la redaktanto

Francujo (f 10.—): F-no Cécile Royer, 14 rue des Carmes, Paris V. Poŝtĉeka konto Paris 25777.

Germanujo (M 2.—): la redaktanto, poŝtĉeka konto Hamburg 31883.

Grandbritujo (ŝ. 4 -): S-no Margaret Blaise, 10 Castle Way, Hanworth near London, Middlesex, Anglujo.

Hispanujo (P 5.—): S-ro P. Linarés, Huerto San Basilio, Córdoba.

Hungarujo (K 40 mil): S-ro Bihari Mór, Tököly út, 11 I/6 Budapest VII.

Italujo: sendu 20 lirojn en papermono al la redaktanto.

Latvujo (Latoj 4.—): S-ro Edg. Grot, Elizabetes ielâ 9, dz. 33, Riga.

Litovujo (Lid. 6. —): Vladas Butkus, 2-ji Gimnazija Prezidento-gatvé 2, Kaŭno

Nederlando (fl. 2.—): S-no C. J. Roskes-Dirksen, Anemoonstraat 95, Hago.

Polujo (Zl 4.—): S-ro Chaim Kusnir, ul. Orwida 5, Wolomin,

Rumanujo (L 150.—): Esperantocentro Rumana, Alea Suter 19, Bukaresto.

Rusujo (Rub. 1.—): S-ro Stanislaw Szabuniewicz, poŝtkesto 663, Moskvo,

Svedujo (K. 3.—): S-ro K. A. Karlstén, Halberg pr. Glommersträsk, Norrland.

Svisujo (F 4.—): S-ro Paul Enz, Postfach Bahnhof, Zürich.

Usono (Dol. 1.—): S-ro Karl Fröding, 419, Seventh Street, Rockford, Illinois.

El landoj necititaj oni pagu egalvaloron de nederl. fl. 2.—per nacia papermono. Evitu poŝtmandatojn, ĉar ili kaŭzas kurzan perdon. Familianoj de membro, ne postulante apartan bultenon, rajtas pagi duonan kotizon.

Centro pro la kotizoj de la internacia Movado por Ĉasta Vivo: kasistino S-no C. J. Roskes Dirksen, Anemoonstr. 96, Hago, Nederl.

## LA LABORO ANTAŬ LA TAGIĜO

de Manfred Kyber

Estis iam unu forĝejo kaj unu forĝisto. Sed la forĝisto estis neordinara forĝisto; ĉar lia laboro estis farota antaŭ la tagiĝo. Tio estas tre peniga laboro. Ĝi lacigas kaj malgajigas. Ĝi faras lin silenta kaj pacienca. Ĝi postulas multe da forto. Ĉar tia laboristo vivas solece kaj forĝas en la duonmalhelo.

Estis nokto, kaj la forĝisto ne estis en sia forĝejo. La vivanta fajro en la forno dormis. Nur ĝia spirajo ardis sub la cindro kaj intermite ĵetis helan fajreretom en la malhelon. Nur malforta lumradio restis kaj rapidis serĉe kaj vagante tra la malhelo de la forĝejo.

La granda stomako de la fajroblovilo pendis kun multaj ĉagrenmienaj faldaĵoj. Ĝi aspektis kiel dika sinjoro, kiu subite maldikiĝis. Oni povus ridi pri ĝi; sed en la forĝejo estis neniu, kiu sciis ridi.

La amboso turnis sian dikan kapon kun la pinta nazo malrapide ĉiuflanken kaj rigardis la malnovan feron, kiu estis forĝota hodiaŭ. Ne estis multe. Nur kelkaj pecoj. Ili kuŝis en unu angulo kaj estis malpuraj kaj polvplenaj, kiel homoj, kiuj faris longan kaj penplenan migradon.

La amboso koleris. „Kia mizera kanajlaro kolektiĝas ĉi tie! Feliĉe ĝi estas unue metota en la fornon, antaŭ ol esti metata sur mian brilan kapon. Alimaniere estus tro naŭzige. Ho ne, dankon! En nia medio oni ŝatas purecon".

La amboso malestime sulkigis la nazon kaj turnis la dorson al la malnovaj feraĵoj. La amboso estis obstinulo. Li ne pripensis, ke li mem estis el fero kaj ke la malnovaj feraĵoj, kiuj venis de tiom malproksime, fariĝos same brilaj, klam la vivanta fajro ilin ekkaptos kaj la martelo ilin forĝos. Li pensis, ke okzistas nur brila fero unuflanke kaj malpura kaj polvplena aliflanke, jam origine, kaj ke tia ĝi restas. Nu, li estis obstinulo, kaj li eĉ ne sciis, per kiom da peno lia majstro kolektis tiun ĉi malnovan feraĵon, por forĝe aliformigi ĝin antaŭ tagiĝo.

La malnova fero sentis sin tre liberigita, kiam la amboso estis turninta al ĝi la dorson kaj ĝi ne plu sentis liajn malestimajn rigardojn. Tute klare ĝi estis sentinta ilin, kvankam ĝi estis tiom polvplena kaj tiom malpura. Nun ĝi komencis flustre interbabili.

Estis ferpecoj, kiuj laŭ aĝo estis tre malsamaj. Inter ili estis tre malnovaj, kiuj vere konvenis por muzeo; sed estis ankaŭ tute novaj, kiuj vivis nur de kelkaj jaroj. Sed laŭ eksteraĵo ili tute ne diferencis.

„Vi estas tiom rustplena", diris ĉeno kompate al malnova glavo; „tio estas tre malbona malsano. Vi certe ne fartas bone?"

La glavo knare ĝemis inter tenilo kaj klingo.

„Estas malnova malsano", ĝi diris, „mi jam suferas pro ĝi dum multaj jarcentoj. Estas sangmakuloj. Terurajn aferojn mi vidis dum mia vivo. Tra multaj manoj mi pasis. Unu mortigis la alian per mi. Unu forprenis min de la alia, por mortigi tiam denove aliajn. Ĉiu sango kaj ĉiuj larmoj mordis siajn signojn en min. Mi havis nur malmulte da ripozo. Tra multe

da sango mi vagadis kaj tiu, kiu verŝis plej multe da sango, per la samaj manoj sonorigis la sonorilojn kaj nomis tion venko."

„Mi havas nur malmulte da jaroj", diris juna sabro, „sed tute la samon spertis ankaŭ mi".

„Mi vidis aliajn venkojn", diris maljuna, rustplena riglilo. „Mi vidis homojn, kiuj per siaj pensoj venkis sin mem kaj la mondon. Mi riglis la pordon, per kiu oni malliberigis ilin. Tie en sia malliberejo, ili sidis kaj iom post iom formortis. Sed iliaj ideoj flugis preter mi tra la malliberejа pordo kaj iris tra ĉiuj stratoj."

„Mi estas multe pli juna ol vi," diris alia riglilo; „sed mi devis fari tute la samon, kaj mi vidis ankaŭ la samon."

La vivanta fajro en la forno spiris pli forte, kaj la unua brilo de la aŭroro tuŝis la malnovajn ferajojn. La fero multe hontis kaj sentis sin nekomforta; ĉar nun la multnombraj makuloj fariĝis pli videblaj, ol en la lumeto de la vivanta fajro, kiu duondormante penplene spiras en la forno. La malnova fero malĝoje rigardis sian malpuran korpon, kaj senorde kaj ĝeme la pecoj interbabilis.

„Mi devis teni murdinton", plendis la ĉeno; „estis en lia lasta nokto. Antaŭ li sidis viro en talaro kun libro en la mano, sur kiu staris ora kruco."

Mi devis labori en buĉejo", diris longa tranĉilo. „Milojn da terurrigidaj okuloj mi vidis, antaŭ ol ili estingiĝis. Milojn da bestanimoj mi vidis erarvagadi en domo plena je sango kaj teruro. Tamen ero el mi antaŭe estis perlo en la rozario de kvieta maljuna viro. Estis en Hindujo, kaj la maljuna kvieta viro per malfortaj brakoj balais la vojon antaŭ si, por eviti, ke lia paŝo mortigos iun vivan estaĵon. Li nomis la vermon frato, kaj li petis por ĝi la benon de siaj dioj. Li parolis pri la granda ĉeno formita de ĉio viva sur la tero. Li desegnis la svastikon en la sablon kaj humile palpadis sian rozarion, kiam la vento ĝin detruis. La fremdaj pastroj el Eŭropo mokis la kredon de la maljunulo."

„Ni havas nun Eŭropon kaj ĝian kulturon", ironie grincante diris la sabro, kaj li skue forĵetis ridindan oran kvaston, kiu pendis je li.

„Tra multaj formoj ni devas migri", diris la tranĉilo, „tion diris al mi la maljunulo en Hindujo. Mi nur ne scias, en kiun formon ni nun estas enirontaj".

„En tiuj ĉi formoj ni ne povas resti!", ĉiuj kriis intermikse. „Ni estas malpuraj kaj plenaj je makuloj. Ni volas esti transforĝataj. Ni iru al la vivanta fajro kaj petu de ĝi alian formon. Sed ni ne atendu, ĝis kiam leviĝos la suno. Ni ne volas, ke la suno nin trovu en tia stato. Tiam ĝia brilo vidigus nian malpurecon kaj niajn makulojn. Sed la forĝisto certe ne tre baldaŭ venos; supozeble li ankoraŭ dormas".

Jen fajrero flugis el la forno meze en la malnovan ferajon.

„La forĝisto ne dormas. Li tuj venos", la fajrero siblis; „li estas neordinara forĝisto. Lia laboro estas farota antaŭ la leviĝo de la suno".

Tiam estingiĝis la fajrero.

La pordo malfermiĝis, kaj envenis la forĝisto. Li estis serioza silenta viro kun malgajaj okuloj. Tion kaŭzis lia laboro. Li piedpremadis la fajroblovilon, tiel ke ĉiuj ĝiaj stomakfaldaĵoj streĉiĝis kaj ĝi forte ŝvelis. La vivanta fajro en la mallarĝa forno vekiĝis, kaj la forĝisto puŝis la tutan malnovan ferajon en la fajron. Tiam li levis ĝin el la fajro kaj metis ĝin sur la amboson.

„Kio fariĝos el ni, — kia formo, — kia formo?", demandis la malnova ferajo, kaj la tranĉilo pensis pri la bona maljunulo en Hindujo.

La forĝisto ekbategis. La fajreroj disŝprucis.

Li forĝis nur unu formon, la lastan de ĉiuj formoj. Li forĝis la animon de la fero.

Tio estis lia laboro.

Kiam ĝi estis finita, brilanta plugilo staris antaŭ la forĝejo sur la tero malseka pro la freŝa roso.

Jen la suno leviĝis.

Bedaŭrinde tio estas nur fabelo.

El germana lingvo tradukis O. B.



## $C_2 H_5 O H$.

de D-ro Calvary, Hamburgo.

La Alkoholo ($C_2 H_5 O H$), laŭ la nerefuteblaj pruvoj de Profesoroj Schmiedeberg kaj Kraepelin, ne estas fortiga sed lamiga rimedo. Laŭ hemia klasifiko ĝi apartenas al la narkotiloj de la grasa serio, kies ĉefaj kaj plej konataj, ankaŭ de laikoj, reprezentantoj estas kloroformo kaj etero. Same kiel ili, ĝi efikas sur la centra nervsistemo laŭ jena vico: grandcerba ŝelo, spina medolo, branĉoj de la spina medolo. La nervĉeloj de la grandcerba ŝelo estas la unuaj, kiuj estas hemie influataj de la alkoholo, nome per kuniĝo de la lecitino en tiuj ĉeloj, t. e. fosforoza, grasojda materio. Tiuj ĉi ĉeloj de la grandcerba ŝelo estas la substanco, kiu peras la animan senton. Ŝanĝo, kiun suferas ili, nepre kaŭzas ŝanĝon en nia anima sento. Kiu per alkoholkonsumo, eĉ en plej malgrandaj kvantoj, havigas al si gajecon, distron, amuzon, tiu faras tion pere de hemia influo al la ĉeloj de sia grandcerba ŝelo. La unuan influon, aŭ en nia okazo la unuan lamiĝon, suferas tiuj ĉeloj, kiuj laŭ sia naturo estas la plej junaj en la homa cerbo, nome tiuj ĉeloj, kies speciala tasko estas: doni al la homo la econ de disciplinita estaĵo kun intelektaj kaj etikaj kontraŭsentoj malhelpantaj sinindulgon. Ĝuste ili portas tiun animan interplektiĝon, kies efikon ni nomas Volo aŭ Arbitro.

Laŭ raso, aĝo, sekso, denaska inklino kaj kutimiĝo ekzistas individuaj diferencoj pri la kvanto de alkoholo kaj la daŭro de efiko, kiuj kaŭzas la narkotan influon. La mezuro, laŭ kiu individuo reagas kontraŭ alkoholo, dependas simple de la sorto, ĉar de la hemia konstitucio de la grandcerbŝelaj ĉeloj. Ne estas virto, se iu malgraŭ granda kvanto da alkoholo povas ankoraŭ ŝajnigi sin bonkonduta, kaj ne estas malvirto, se alia persono jam post la konsumo de rilate malgranda kvanto atingas staton de patologia ebrieco, en kiu ĝi atakas aliajn personojn per tranĉilo. Ne estas demando de virto aŭ malvirto, sed de sorto, la demando pri la individue diferenca hemia konstitucio de la grandcerba ŝelo. Ni do ne malestime rigardu la malfeliĉan drinkulon kaj la tutan mizeron, kiun li portas al si mem, al sia familio kaj al la ŝtato.

Neniu drinkulo, kiu eniras drinkejon, intencas ebriiĝi, kaj tamen ĉiufoje li eliras el ĝi ebria. Ankaŭ li, kiel ĉiu moderulo, estas konvinkita pri la neceso kaj graveco de la modereco; sed lia malfeliĉo kuŝas en tio, lia persona kompatinda tragiko estas tio, ke la ĉeloj de lia Volo estas alimaniere kunmetitaj. San-

iĝo al drinkuloj, kiam ĝi estas ebla, ne povas esti farata per instruo pri modereco, sed nur per konvinko pri plena abstino.

Ne pro la drinkulo penindas propagandi la alkoholabstinon. Por tio ili, malgraŭ la granda mizero de ili kaŭzata, estas en nia popolo (germana) proporcie tro malgranda parto. Sed la granda danĝero de la popolaj epidemioj kaj speciale de la seksaj malsanoj devigas al la abstino. Kiel dirite, pricipe la malgrandaj kvantoj da alkoholo senfortigas la kontraŭstaron, kiun edukantoj donas al la gejunularo por ilia tuta vivo, kontraŭstaro multspeca: religia, etika, intelekta, timo pri infektiĝo, antaŭsento pri danĝero, sento de abomeno. Kaj tiu ĉi kontraŭstar-detrua efiko de malgranda alkoholkvanto faras la ĝuimpulsojn aŭ voluptimpulsojn senbrida estro de la individuo; la pli superaj, pli altaj instancoj de la cerba volocentro estas forigataj per hemia narkoto. La alkoholo estas la disvastigilo de la sifiliso, kaj ĝuste la alkoholo en malgrandaj kvantoj: ĉar pli grandaj kvantoj lamigas eĉ la voluptimpulson.

La sopiro al ĝojo kaj gajeco estas tute natura por la homo kaj karakterizas speciale la junecan periodon de la homa vivo. La ĝenerala vivmaniero facile havigas la eblecon al la homo, malkare kontentigi tiun sopiron per nemiaj rimedoj, t. e. per narkotiloj, kiuj lamigas la kontraŭstaron, kontraŭ la avertoj de scio kaj konsciento. Ĉu tio estas la idealo de edukado? Ĉu ne estas nekompareble pli bone por nia junularo, ke ni montru al ĝi la vojojn, por akiri ĝojon, gajecon kaj ĝuon de la belaĵoj en la vivo per la persista laboro de devoplenumo, kiu kaŭzas nesupereblan senton de ĝuo? Tiu ĝuo estas akirita per la komprenemo pri la belecoj de la naturo, perlaborita per la studo necesa, por kompreni la belecon de arto.

Kia ĝojiga perspektivo de estonteco por junularo, kiu tenas sin absolute for de la venenoj.

Elgermanigis O. B.

---

## Lev Tolstoj pri Nutrado

Se la homoj nutrus sin nur, kiam ili estas malsataj, kaj manĝus simplan, puran kaj sanigan nutraĵon ili ne scius, kio estas malsano, kaj facile batalus kontraŭ la pekoj kiuj baras la vojon al bona vivo.

La luksaj, subtilaj nutraĵoj malfortigas la stomakon kaj malgrandigas la ĝojon de la nutrado. Krom tio la simpla nutraĵo akiriĝas facile kaj la subtila malfacile. Por la simpla nutraĵo sufiĉas la propra laboro, sed por la subtila postuliĝas la aliula.

Iu saĝulo diras: „Mi dankas Dion, kiu faris ĉion necesan facila kaj malfacila ĉion nenecesan". Tio ĉi estas aparte vera pri la nutraĵo. La nutraĵo necesa, por ke la homo estu sana kaj laborema, estas simpla kaj malmultekosta: pano, fruktoj, radikoj, akvo. Ĉio ĉi troviĝas ĉie. Malfacile oni nur bredas bovojn kaj porkojn; malfacile oni faras glaciaĵon kaj dolĉaĵojn kaj ĉiuspecajn riĉajn manĝaĵojn.

La riĉaj manĝaĵoj krom sia malfacila havigo estas ankaŭ malutilaj. La riĉuloj estas delikataj pro sia subtila nutraĵo, kaj la malriĉuloj estas sanaj pro sia simpla nutraĵo. Kaj ne la malriĉuloj devas envii la riĉulojn; sed la riĉuloj devas envii la malriĉulojn.

Superfluaj estas la vino, la tabako kaj ĉiuj alkoholaĵoj. Ili estas ne nur superfluaj, sed malutilaj por la korpo kaj la animo. Ĉi tion ĉiuj scias; sed tamen oni uzas ilin, kaj tiel oni igas perdiĝi la laboron de milionoj da homoj uzataj por ilia produktado. Kaj kial oni trinkas kaj fumas? Oni trinkas kaj fumas pro tio, ke oni volas servi al la korpo, kaj vidante, ke oni ne povas kontentigi ĝin, oni ebriiĝas por forgesi, ke por la korpkontentigo oni faras malsaĝaĵojn kaj aĉaĵojn.

La homaj kutimoj estas diferencaj. Nur la fumado kaj la trinkado estas komunaj por riĉaj kaj malriĉaj personoj. Kial? Ĉar la malkontento de ĉiuj homoj pro ilia malsaĝa vivo (kontentigi la pasiojn kaj la dezirojn de la korpo) estas komuna, kaj ĉiuj suferas pro tio, ke ili ne povas kontentigi ĉiujn korpajn dezirojn.

Saĝa estas la planta nutrado, vivante simple kaj sindetene. Se oni komencas konscii ĉi tion, oni baldaŭ komprenos, kiom krude kaj kruele estas, mortigi bestojn pro manĝemego. Ĉar nur pro manĝemego oni manĝas viandan nutraĵon. Por la malsata homo sufiĉas pano kaj fruktoj aŭ legomoj.

El la bulgara revuo „Vyzrajdane" (Renaskiĝo) tradukis Agro, Parizo, 5-7-1925.

---

## INTERNACIA VEGETARA UNUIĜO

### 4-a raporto, junio 1925

Du unuiĝoj vegetaraj aliĝis al la I. V. U., nome Vegetara Societo de Tartu (Tartu Taimetoi laste Uhing), Estonujo, prezidanto D-ro A. Andova, Tartu, kaj The Vegetarian Cycling and Athletic Club, ĉefoficejo Londono E. C. 4, Anglujo, 2 kaj 3, Furnival Street, Holborn.

La sekvonta Internacia kongreso vegetara okazos en Londono je pentekosto, de la 26-a ĝis la 30-a de majo 1926-a. Eble baldaŭ estos donataj pli detalaj sciigoj. Oni esperas, ke multaj samcelanoj kaj certe la delegitoj de ĉiuj landoj venos.

Ĉi-sube sekvas resumigo de la kasraporto. Mankas ankoraŭ la kotizoj por 1923—24 de Hispanujo, Svisujo kaj la Oriento, kaj por 1924 de la Vegetara Societo, Manchester.

M. J. C. Ortt, Sekretariino de la I. V. U.

**Resumigita kasraporto de d-ro Hugo Nolthenius:**

| | | |
|---|---|---|
| Marto 24, saldo | nfl. | 151·87 |
| majo, 1924 Dana Vegetara Societo | | 11·18 |
| „ Vegetara Societo de Francujo | | 53·98 |
| Sept. Dana Vegetara Societo | | 8·96 |
| „ Asocio de la Naturkuracismaj Societoj en Ĉeĥoslovakujo | | 46·85 |
| febr. 1925 Nederlanda vegetara Ligo | | 4·80 |
| marto, Portugala Societo Naturista | | 11·43 |
| apr. Vegetara Societo de Tartu | | 2·48 |
| junio Londona Vegetara Societo | | 62·97 |
| „ Vegetara Societo de Francujo | | 7·60 |
| enspezon, sume | nfl. | 399·17 |
| ELSPEZOJ: por la raportoj, por spezoj de la sekretariino kaj la kasisto afranko, papero, kuvertoj k. a. | | 108·40 |
| saldo | nfl. | 290·77 |
| La Fondaĵo Saxon montras saldon en la kaso de | nfl | 65·65 |

Klariga rimarko: la I. V. U. estas unuiĝo de la naciaj vegetaraj societoj kaj ne havas, kiel nia internacia Vegetara Ligo Esperantista, individuajn membrojn.

## LA BOVBATALOJ

Ĝustan indignegon kaŭzas ĉie la sciigo, ke eĉ virino, s-no Morris, amerikanino, en Madrido vestis sin per la vestajoj de toreadoro kaj luktis kontraŭ malgranda bovo. La raporto diras: „Kvankam ŝi ne sukcesis mortigi la bovon, ŝi rikoltis la aplaŭdon de distinginda rigardantaro".

Kontraste ni povas citi (el la bonega revuo „The Starry Cross") la fakton, ke amerika virino, s-no Jeannette Ryder, forte batalis kontraŭ la permeso de bovbataloj sur la Kuba Insulo. Kiam la kapitalisma instinkto kondukis la enterprenistojn de bovbataloj al Havano, ŝi mem iris al la areno, sed ne luktis, kiel s-no Morris, sed sukcesis atingi, ke la mortiga ludo ne okazos kaj ke la malpermeso, kiu ekzistas de post la fino de la Hispana Milito, estas respektata.

Kiom malmulte ni malproksimiĝis el la plej malhelaj epokoj!

---

## SUPERNACIA RESPUBLIKO

Laŭ iniciato de H. L. Follin formiĝis organizo, kiu unuigas la individuojn, kiuj liberiĝis el la iluzio de naciaj interesoj. Ĝia adreso estas: République Supranationale, 23 rue La Boetie, Parizo 8, Francujo.

La unua regulo el la regularo diras: „La Supernacia Respubliko estas tutmonda unuiĝo de individuoj kontraŭ la tiranecoj naskitaj el la iluzio de interesoj naciaj". Jen la specialaj elmontroj de tiu iluzio, kontraŭ kiu batalas la organizo: la militoj, la deviga armea servo, la malhelpoj kontraŭ la libera internacia migrado de homoj, kiel dogano, pasporto, varieco de monsistemo, la malhelpoj kontraŭ la libera opiniesprimado.

---

## El multaj landoj

ARGENTINA RESPUBLIKO. La instituto naturista „Nueva Era" (Nova Epoko), strato Mendoza 130, domo „La Aurora", urbo Nueve de Julio (S. Carlos. Mendoza), donas al la publiko kursojn pri higieno laŭ nia vidpunkto kaj havigas banojn, aerbanojn, gimnastikon k. t. p.

BELGUJO. Jaŭdon, la 24an de septembro 1925, la kooperantoj de la Vegetara Restoracio „Renova" kreota pro iniciato de S-ro Weil, sekretario de la Belga Vegetara Ligo, estis invitataj je interkonsila kunsido en la sidejo, kie komence de oktobro estos malfermata la tiom arde preparata manĝejo. Ĝi lokiĝas en la Régence — strato 20—22, proksime je la Centra Parko, la Reĝa Palaco, la Muzika Konservatorio kaj la Justecpalaco, en plena centro de Bruselo, kaj facile atingebla per tramvojoj. Al ĉiuj kunvenintoj la sidejo faris favoran impreson, kaj ĉiu laŭdas ne nur la klopodojn, sed ankaŭ la akiritan rezulton de s-ro Weil, kiu volonte donis kelkajn informojn.

Unue li insistis pri la financa bazo. Due li sciigis, ke je proksima kunsido, antaŭ la malfermo, estos elektata la sepmembra direktanta komitato laŭleĝa.

Jam diversaj aĉetadoj estas farataj, dum kiam oni atendas la alvenon de la organizontino, Fraŭlino Callard, kiu nunmomento sin okupas pri sama fondado en Lachaud-fonds.

Komence de oktobro la inaŭguro okazos, kaj ŝajnas jam de nun necese, pli forte propagandi pro antaŭvidebla sukceso kaj interesiĝo el diversaj medioj.

Oni intencas aranĝi inaŭguran feston, al kiu jam Antverpenaj samideanoj aliĝis kaj al kiu la gazetaraj reprezentantoj estos invitataj.

La personara afero ne jam estas plene solvita, sed jam funkcias nia sindona restoraciestro, S-ro Obreč Ruso. Ni ankaŭ jam povis admiri la artan guston de la Ornama Direktorino, F-no Simonne Weil, kiu certe estigos hejmecan senton kaj plenan harmonion en la diversaj salonoj.

Venu do ĉiuj, Esperantistoj Vegetaranoj. Ne timu plu ne trovi konvenan manĝejon je via plaĉo! Pro vi ni klopodos, kaj certe sukcesos, Esperantigi ankaŭ nian Belgan vegetaran centron. Y. Colijn.

BULGARUJO. La vegetaraj revuoj; interalie Vyzrajdane, Vegetarianski Pregled, Svoboda, kaj la vegetara kongreso en Varna atestas pri la graveco de la vegetara ideo en tiu ĉi lando de centjaruloj.

En la tuta lando ekzistas jam kelkaj vegetaraj restoracioj, kiuj prospere propagandas la senmortigan nutradon. La unua vegetara restoracio en la lando fondiĝis en Sofio, 1919. Elkreskinta kiel modesta manĝejo, kontentiganta la nepran bezonon je senvianda manĝado de malgranda rondo da idealistoj, ĝi baldaŭ kreskis al sia hodiaŭa stato kun granda propra domo en la centro de la ĉefurbo (str. „6 Septemvri" № 1) kaj vastaj manĝsalonoj. Ĝi estas koopera societo kun 1400 membroj.

Krom tiu ĉi en Sofio ekzistas ankoraŭ du: unu granda kaj alia malpli granda vegetaraj restoracioj privataj.

La ekzemplon de Sofiaj vegetaranoj baldaŭ sekvis la provincaj kaj nunmomente ekzistas pure vegetaraj manĝejoj en jenaj urboj:

kooperaj: en Jambol, St. Zagora kaj Tirnovo

kaj privataj: en Plovdiv kaj Varna.

Krom tiuj ekzistas lernantaj vegetaraj manĝejoj en Sviŝtov kaj Pleven.

Dum novembro estos inaŭgurata nova vegetara restoracio en Ruse.

Krom tiuj pormanĝaj organizoj en Bulgarujo antaŭ unu jaro estas fondita eldona koopera Societo „Posrednik" (str. Vitoŝka, 48), kiu tre vigle kaj fervore propagandas la pacideojn, la vegetarismon k. s. per sia semajna eldonaĵo „Svoboda", per la monata biblioteko por junularo, per multaj malkaraj verkoj kaj fine internacie per la monata gazeto en esperanto „Libero".

En tre mallonga tempo, per la sindonemo kaj oferemo de veraj idealistoj tiu ĉi eldonejo notis grandajn sukcesojn. Jam nun ĝi posedas kapitalon de 100,000 bulg. levoj kaj 50,000 lv. da fondoj, kolektataj cento po cento, pacience kaj persiste. Kaj jen, la porpaca movado, la vegetara movado en Bulgarujo havas sian firman materialan bazon, kian bazon tiuj movadoj en aliaj landoj ne posedas. Eble nenie alie sur la terglobo tiuj ĉi movadoj havas sian propran presejon.

Al ĝi ni ŝuldas la ekzistadon de la bonega esperanta gazeto pri vivreformigo — „Libero", kiu servas kiel bonega montrilo pri la granda progreso de Esperanto en idealistaj kaj pacifistaj rondoj.

GERMANUJO. La „Internacia Junulara Ligo", kies iniciatinto estas la konata pacifisto kaj socialisto prof. Nelson Göttingen, postulas de siaj membroj la promeson, vivi sen alkoholo, sen tabako kaj vegetare kaj fari iun praktikan laboron en la socialista movado.

GRANDBRITUJO. La internacia Vegetara Kongreso okazos pentekoston 1926, de la 25 ĝis la 30a de majo, en Londono, kaj estas esperate, ke multaj eksterlandaj samideanoj partoprenu. Ni speciale deziras, ke ankaŭ esperantistoj partoprenu kaj ke la naciaj asocioj elektu kiel delegitojn personojn, kiuj posedas nian lingvon.

La prezidanto de la angla Vegetara Societo, s-ro Er-

nest Bell, samtempe prezidanto de la Londona Kongreso, festis la 50an datrevenon de sia vegetaraniĝo.

Pri la senutileco de eksperimentoj per bestoj (vivisekcio) aperis en Vegetarian Messenger rimajo, en kiu la hundoj parolas kaj sciencisto inter ili deklaras tute solene, ke oni ne plu manĝu ostojn, ĉar li faris eksperimentojn per homidoj, kaj la homidoj nutritaj per ostoj mortis. La aŭskultantaj hundoj forpelas tiun „scienculon" kaj kruelulon; sed kion faras la homoj, kiam iliaj „sciencistoj" faras kruelegajn senutilajn eksperimentojn, kiuj havas nenian konkludan valoron por la homo?

ĈEĤOSLOVAKUJO. Krom la bonega vegetara manĝejo de s-no Burešova, strato Konviktska 15, Prago, ekzistas nun en Prago alia Vegetara Manĝejo en Dlouha trida 49, Prago.

KUBA INSULO. La vegetara grupo „Amikoj de la Suno" vigle laboras per studoj kaj ekskursoj kaj per la revuo „La Raza Futura" citita sub gazetoj en nia bulteno.

NEDERLANDO. La internacia Vegetara Tago estos tiun ĉi jaron festata en Oud Leusden apud Amersfoort, la 19—20.9.25. La estraro de la veg. societo en Hago anoncis kursojn pri Vegetara Kuirado kaj pri Esperanto.

La redaktanto de la bonega revuo „Vegetarische Bode" deklaras: „Se iu artikolo en nia revuo ne plaĉas al vi, vi havas la rajton, ne legi ĝin; sed pro tio, ke mi opinias ilin prezentindaj por multaj legantoj, kiuj ilin ŝatas, mi havas la rajton, presigi ilin". Tion pripensu ankaŭ la legantoj de nia bulteno.

PORTUGALUJO. En la Feminista Kongreso s-no Julieta Ribeiro faris paroladon pri „La Virino Naturista (t. e. vegetara)".

NORVEGUJO. En la Nederlanda „Vegetarische Bode" s-ro J. Andriessen, Da Costastr. 70a, Roterdamo, raportas pri sia vojaĝo al Norvegujo kie li havis en ĉiuj lokoj eblecon, ricevi vegetarajn manĝaĵojn. La manĝo kelkfoje tamen estis iom multkosta; sed ĉie oni bone zorgis por lia familio, kaj oni kontentigis liajn dezirojn.

NOVZELANDO. Laŭ sciigo de la sveda revueto „Vegetarianen" la vegetarismo sur Novzelando progresas, precipe pro la laboro de la Ligo de Nutroreformantoj kaj Kontraŭkan era Ligo.

SVEDUJO. Eĉ en la urbeto Boden en la plej norda parto de Svedujo (Norrland) ekzistas vegetaranoj. S-ro J. Moberg, posedanto de kafejo, estas vegetarano de tridek jaroj. Li estas prezidanto de vegetara grupeto, la plej norda grupo de la Sveda Vegetara Societo.

URUGVAJO. La 9an de julio la instruisto R. C. Rey faris en Montevideo paroladon pri „La Naturismo kiel rimedo de Homa Regenero". Li fondis instituton por la instruado teoria kaj praktika pri naturismo.

---

## VEGETARAJ MANĜEJOJ

SVEDUJO. En Stokholmo ekzistas la vegetara manĝejo „Ceres", kiu troviĝas en Hamngatan 8.

NORVEGUJO. Vegetara manĝejo troviĝas en Oslo en Lillegraendsegate 5; sed ĝi ne estas pure vegetara.

GERMANUJO. La sanatorio „Heil" apud Freiburg en Baden ne plu ekzistas.

DANUJO. Krom la konataj du manĝejoj en la ĉefurbo s-no M. Henriksen, Istedgade 7 st., Kopenhago — B., donas vegetarajn manĝojn.

AŬSTRUJO. Apud la belega Lago de Wörth (Wörthersee) troviĝas nun la dieta kaj sunbana kuracejo de F. Craigher, Pörtschach am Wörthersee.

HISPANUJO. En Barcelono troviĝas jenaj vegetaraj pensionoj: Ronda Universidad 25, principal, kaj Caspe 31, 1-a etaĝo, loĝejo 1-a.

KUBA INSULO. Estas rekomendata la Manĝejo Suarez, strato Manrique 140; sed la redaktanto ne scias, ĉu ĝi estas tute vegetara.

Samideanoj en ĉiuj urboj kaj urbetoj bonvolu nin informi pri la vegetaraj manĝejoj de ili konataj kaj rekomendeblaj.

---

## REVUOJ, BROŜUROJ, LIBROJ DE PARENCA TENDENCO

ARISCHE LEBENSKUNST, redakt. St. Omar, eldonantoj Geber-Verlag, Kaiserstr. 5, Freiburg in Baden, Germanujo. Jarabono M. 5·— Vegetara beleta revuo, kiu tamen tro multe akcentas la rasan apartiĝon.

VEGETARISK TIDSSKRIFT, Rodkildevej 40, Brönshöj apud Kopenhago, la bonega dana vegetara revuo, lasttempe tre ofte enhavas detalajn artikolojn de nia dana sekretario pri Esperanto.

APOLONIA, revueto por la disvastiĝo de instruoj sciencaj kaj kulturaj pri naturismo. Red. urbo Nueve de Julio F. C. O. (S. Carlos, orienta fervojo), Argentinio. Salutinda nova hispanlingva bulteno, kiu laboras sub la devizo de Apolono de Tiana.

LA REFORME ALIMENTAIRE, 48 Avenue Bertrand, Bruselo, laŭde citas nian bultenon. La vegetara movado en Belgujo estas kreskanta, sed bezonas ankoraŭ fortan fervoron de la malmultaj anoj.

NOVO OBŜTESTVO, duonmonata bulteno por interfrata amo sen diferenco de rasoj aŭ nacioj, havas novan adreson: Sofio, Bulgarujo, str. Gurko 13. Bulgarlingva.

VEGETARISCHE WARTE, Frankfurto a. M., Gartenstr. 1, Germanujo, havas en sia aŭgusta numero bonan artikolon de D-ro Döring: „Reen al la naturo?", en kiu li diras, ke vegetarismo ne estas reiro al natura stato, sed plena kulturo volviĝonta al plej alta ŝtupo, en kiu konscie estas sciata tio, kion la primitivaj popoloj kaj estaĵoj nur instinkte sentas.

DIE FREUNDE (La Amikoj): La eldonanto, D-ro Richard Weisz, Vieno XIII-5, Knödelhütte 12, infanejo Eden, sciigas, ke pro financa motivo tiu ĉi revuo ĉesas aperi.

DIE LEBENSREFORM, germanlingva vivreforma revueto eldonata de Heinrich Kaufmann, Frankfurto a. M., Sachsenlager 6. Ne konfuzu kun la samtitola revueto de Fr. Paul Lorenz, Freiburg en B., Germ.

DER TIER- UND MENSCHENFREUND, Dresdeno A., Serrestr. 12, la germana kontraŭvivisekcia bulteno, estas nun redaktata de la konata vegetarano Ludwig Ankenbrand, kaj fervore propagandas ankaŭ vegetarismon.

LA RAZA FUTURA (La Raso de la Estonteco), monata revuo de la Societo por la Fondiĝo de Kolonio Teozofia Naturista (vegetara); redaktejo Valle 18, Havano. La devizo estas: „En la nomo de via idealo respektu nian idealon, kaj se vi ĝin opinias nerealigebla, foriru".

REVISTA COSMOS, monata ilustrita hispanlingva revuo eldonata de Jesus M. Bran, Respubliko kaj Urbo San Salvador, Centra Ameriko, sendita al nia red. pro nekonata motivo, diras tre trafe pri la kinematografejo: „Tre urĝa kaj radikala rimedo por la bonstato estos fermi tiun ĉi lernejon de la krimo, kiu estas kinematografejo" (E. Contreras y Camargo).

---

La analfabetismo estas malbono; malbono estas ankaŭ la alfabetismo pure materiala.

El la hispano revuo „Cosmos", S. Salvador

## OBEA AL LA NATURO

Nia lasta numero (Vegetarano VIII 3) enhavis malperfektan reproduktaĵon „Obea al la Naturo", kiun pentris la artisto Georg Schvenk, Dresdeno-Löschwitz, Pillnitzer Str. 59, Germanujo. La originalo montras la personojn en naturgranda mezuro. La pentristo nun vendas belajn fotografaĵojn de tiu ĉi pentraĵo, kiujn li vendas por M 3·— en grandeco 16 x 22 cm, por M 5·— en grandeco 22 x 27, 5 cm. Pli granda formato, sen kartono, en mezuro 37 x 50 cm, estas havebla por M 8·—.

Rekomendinde estas, fari mendojn ope. Se mendantoj tion deziras, la redaktanto de Vegetarano prizorgos tion; sed oni povas turniĝi ankaŭ rekte al la artisto laŭ ĉi-supra adreso. La artisto, multjara vegetararano, estas ankaŭ poeto kaj jam multe laboris por la vivreforma movado.

---

## ESPERANTAJ ELDONAĴOJ

FLUGANTA SKRIBILO, stenografa ĉiumonata gazeto eldonata de P. Flageul, 9 boul. Voltaire, Issy-les-Moulinaux, Seine, Francujo. Jarabono sfr. 2·50. Sub sama adreso aperis:

FARIĜU STENOGRAFISTO, kajereto senpage disdonota, kiu enhavas la alfabeton de la Esperanta stenografo Duployé Flageul kaj propagandan tekston.

RUCH ESPERANCKI, redaktanto B. Czechowski, Boryslaw, Polujo; Esperanta sciigilo aldonata al la ĉiutaga socialista gazeto Dziennik Ludowy, Leopolo.

FOIROJ de Frankfurto, Lipsio kaj Reichenberg eldonis tre bonajn kaj impresajn propagandilojn en Esperanto.

LITERATURA INFORMILO, de Ferdinand Hirt & Sohn, ANONCA BULTENO de Ellersiek & Borel, reklamaj eldonaĵoj tre utilaj por Esperantistoj.

LIBERA LABORISTO, oficiala organo de Esperantistaj Senŝtatanoj, redaktejo J. M. Esperanto, 9 rue Louis Blanc, Parizo 10; administrejo Artur Bolle, Tresckowstr. 58. Berlino N. 58, Germanujo. Tre interesa informilo de la esperantistoj-anarkiistoj. Ĉu tamen ne estus pli bone, se la diferencaj nuancoj de la politikaj maldekstruloj, por konservi sian fortecon, kontentiĝus per unu tolerema organo?

BULTENO, monata propaganda folio de la Antverpena Propoganda Komitato por Esperanto, red. Boomsche Steenweg 444, Antverpeno, Belgujo.

HOMECO, duonmonata internacia literatura Esperantorevuo, red. Pastro Georgi Hristov, Popovo, Bulgarujo. Bonintenca, sed superflua; ĉar ne estas necese, pligrandigi ankoraŭ sen grava motivo la nombron de la Esperantaj organoj.

ESPERANTISTA JUNULARO, oficiala organo de la Tutmonda Esperanto-Asocio Junulara kaj de Skolta Esperantista Ligo. Adm. Alfred Neupert, Lipsio-Möckern, Wedellstr. 17, Germanujo. Red. Rudolf Pivl, Trautenau en Ĉeĥoslovakujo, Pragerstr. 16. Jarabono sfr. 1·25.

KRISTANA ESPERO, nova adreso: Tampere, Satamakatu 1, Finlando.

T. E. K. A. Provizora bulteno de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio; red. D-ro Briquet, 31 Rue de la Bassée, Lille. Francujo.

JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO, kajereto kompilita de Prof. Th. Cart, Prezidanto de la Akademio. Prezo ffr. 1·— Parizo, Esperantista Centra Oficejo, 51 Rue de Clichy.

ESPERANTO ET COMERCE (Esp. kaj Komerco), organo de la Asocio por la Ekonomia Disvastiĝo Franca per Esperanto, 20 rue de l' Arc de Triomphe, Parizo 17, Francujo. Monata.

LIBERPENSULO, oficiala gazeto de la Internacia Ligo de Liberpensuloj; red. Kurt Hubricht, Lipsio-Neustadt, Mariannenstr 22, I., Germanujo.

La NOVA TAGO! Trimonata revuo de la Internacia Bahaja Movado; red. Fr. Gertner, Vandsbek apud Hamburgo, ölmühlenweg 66, Germ. Specimeno sendata laŭpete senpaga.

HISTORIO, Instruoj kaj Valoro de la Bahaja Movado, de D-ro Hermann Groszmann; sama eldono kiel de La Nova Tago.

LA BLANKA FLAGO (Die weisze Fahne), germanlingva organo de okultistoj, eldono Johannes Baum, Pfullingen, Württemberg, Untere Bahnhofstr. 5, Germanujo, enhavas favorajn artikolojn pri Esperanto.

ORIENTO, nove aperonta monata ilustrita revuo en Esperanto. Eldonos: Esperanta Eldona Kompanio „Oriento", Ĥarbin, Manĝurio, Ĥinujo, Novyj Gorod, postkesto 35. Redaktonto estas I. N. Serišev; oni promesas tre varian, interesan enhavon temantan orientan Azion. Unu numero kostos duonan dolaron.

LA PACO, propaganda revuo Esperanta pri budhismo, organo de Otani Daigaku Esperanta grupo ĉe Otani Universitato, Kioto, Japanujo.

OOMOTO, gazeto en Esperanto por la propagando pri Oomota Doktrino; Oomoto - Propaganda Oficejo, Kameoka, Kioto-fu, Japanujo.

ARBEIDER-ESPERANTIST, nova adreso: Folkets Hus (Popoldomo), Oslo, Norvegujo.

TEKNIKA REVUO, eldonata de D-ro Rene de Saussure, 27 Lombachweg, Berno, Svisujo, en Esperanto, sed fuŝa ortografio.

ESPERANTA-ITALA VORTARO de G. Meazzini, eldono 1925, A. Paolet, San Vito al Tagliamento (Udine), Italujo. Laboro interrompita pro manko de kunlaboro.

ATTA TROLL, somernokta sonĝo, bona traduko de la poemo de Heinrich Heine; eldonis Ellersiek Borel G. m. b. H., Berlino kaj Dresdeno, prezo M 1·50, tradukis Zanoni.

OFICIALA JARLIBRO de U. E. A., 12 Boulevard du Théâtre, Ĝenevo, Svisujo, denove aperis por 1925 kun kvazaŭ enciklopedia enhavo.

HEBREA PROGRESO EN PALESTINO, bela informa broŝuro eldonita de Centra Cionista Organizaĵo, 77, Gt. Russell Street, Londono W. C. 1, Angl.

SVISLANDO, TURISTA KARTO. Bonega karto pri Svisujo kun informoj kaj ilustraĵoj, eldonita de la Svisa Fervojo. La iniciato de Jules Perlet por tiu eldono Esperanta estas tre laŭdinta kaj dankinda.

PRI LA KREDO AL MIRAKLOJ (Natura klarigo de la bibliaj mirakloj) de Wilhelm Winsch, tradukiŝ P. William.

PRI VARMOKULTURO (Per varmo al sano), samaj aŭtoro kaj tradukinto. Tiuj du broŝuroj de nia samideano kaj samcelano D-ro Winsch estas tre interesaj por ĉiu Esperantisto kaj vegetarano. Adreso de D-ro Winsch: Georg-Wilhelmstr. 6, Berlino-Halensee. Li estas senlaca propagandanto pri vegetarismo, kontraŭ vakcinado kaj por Esperanto. Lia varmoteorio estas tre grava, precipe por la vegetaranoj. Tre atentindaj estas ankaŭ liaj germanlingvaj broŝuroj pri Kristo; ĉar li dokumente pruvis, ke Jesuo

Kristo estis vegetarano kaj abstinulo. Profunda lingva kono permesas al li, korekti malĝustajn tradukojn de la originalaj bibliaj tekstoj.

UNUA ŜTUPO, aŭ senmortiga nutrado, de Lev Tolstoj, tradukita de la memorinda samideanino Anna Ŝarapove; eldonis „Posrednik" en Moskvo. Oni klopodas nun, reenmanigi al la Esperantistoj la restaĵon de la valoraj kajeroj de „Tutmonda Biblioteko je la memoro de L. Tolstoj", en kiu tiu ĉi estas la 3a numero.

El Ŝanhajo, Ĥinujo, alvenis protesto kontraŭ la perforto uzita de Eŭropanoj okaze de la interne ĥinaj ekonomiaj disputoj.

LA ORIENTA LUMO. Redkt. Tokio Oojama, 25 Heido, Seoulo, Koreujo. Oficiala organo de Korea Esperanto-Instituto; jarabono 2 Sm; monata.

---

## La natur-viv-societo

En la XVII Tutmonda Esperanto-Kongreso en Ĝenevo, ĵaŭdon, 6-an de Aŭgusto estas fondita nova asocio nomita Natur-Viv-Societo (N. V. S.). Esperantistoj el 15 nacioj ĉeestis. S-ro P. Stojan, el la U. E. A. prezidis kaj donis siajn proprajn spertojn pri Natur-Vivado. S-ino Dorothea Hhyams, Diet-Specialisto el Londono, klarigis la principojn de la Natur-Vivado kaj rakontis pri mirindaj kuracoj de tiel diritaj „n e k u r a c e b l a j malsanoj. Ŝi donis multajn ekzemplojn pri la kuracado de la pli gravaj malsanoj, kiel Diabeto, Ekzemo, Astmo, Tuberkulozo, Kormalsano, Artrito, Kancero. S-ino Hyams ĝoje respondos al iuj ajn demandoj se oni skribos al ŝi.

La Natur-viv-movado entenas la ideojn de Natur-kuraco, vegetarismo, protekto al bestoj, kontraŭalkoholismo, kontraŭ-fumado, fizikkulturo, spiritkulturo k. t. p.

La celoj estas:

1) Propagandi la ideojn de la N. V. S. per internacia lingvo, tio estas per Esperanto.

2) Propagandi Esperanton en rondoj de la N. V. S.

3) Provizi ilojn por interŝanĝi informojn kaj spertojn, helpi unu la aliajn je vidpunkto, konvinko kaj tekniko.

4) Kunagi kun simpatiaj societoj kun similaj celoj.

5) Fondi gazeton aŭ eldoni bultenon en „Esperanto".

6) Organizi internaciajn kongresojn, naciajn kunvenojn, lokajn grupojn, kursojn, prelegojn, stud- rondojn, kaj vizitojn al bone konataj kuracejoj, k. t. p.

Oni elektis la jenajn sekretariojn:

Ĝenerala sekretario: P. Stojan, ĉe U. E. A. 12 Bd. du Téâtre, Genève.

1. Brita Sekretario: Dorothea Hyams, Diet Specialisto, 87 South Side, Clapham Common, London, S. W. 4.

2. Franca Sekretario: S-ino Marselle Tiard, 11 Rue de la procession, Paris XV.

3. Germana Sekretario: Alberto Weber, 6 Hochwaldstr. Waldenburg (Silezio-Germ.)

4. Svisa Sekretario: S-ino Henriette Danneil, 3 Ch. de l' Escalade, Geneve.

5. Bulgara sekretario: Kiril Georgiev, Str. 6 Septemvri № 1, Sofia.

6. Latvia Sekretario: Edgaro Grot, Elizabetes iela 9 dz., 33 Riga.

*

Estas ĝojige, ke ĉie kreskas la intereso pri niaj celadoj. Tamen. pro la koncentriĝo de la fortoj, estus estinte pli bone, se la iniciatintoj de tiu nova asocio estus interrilatintaj kun nia internacia Vegetara Ligo Esperantista, kiu havas preskaŭ samajn celojn kaj vivas jam de 17 jaroj, ĉar ĝi estis fondata dum la Dresdena Kongreso 1908.

La gvidantoj de nia V. L. E. ne estas ambiciaj, kaj tuj, kiam ili vidos, ke de alia persono aŭ grupo de personoj la movado povos esti pli profitige (en la intereso de niaj ideoj) gvidata, ili volonte transdonos sian laboron en aliajn manojn. Pro tio la subskribanto ne hezitis, labori interkonsente kun la samideanoj kreintaj la revuon „Libero", kiu el pure egoista aŭ ambicia vidpunktoj povus esti konsiderata kiel konkurenca entrepreno.

Por du aŭ eĉ tri samtendencaj bultenoj ne estas loko en nia Esperanta Mondeto. Tial la „Vegetarano" aperos, ĝis kiam fariĝos evidente, ke ĝi superfluiĝis. Ĉu tiu momento jam alvenis, mi mem, ĉar tro partia, ne povas juĝi. Mi povas nur doni mian jenan opinion:

Per „Vegetarano" kiel organo de la internacia V. L. E. la ideoj de vegetarismo kaj parencaj jam estis efike propagandataj. Per „Vegetarano" nia Esperanto jam estis tre efike propagandata kaj efektive disvastigata en la medioj de vegetaranoj kaj similtendenculoj. Per „Vegetarano" jam estis havigataj rimedoj por reciproka interŝanĝo de informoj kaj spertoj. Kunagado kun simpatiantaj societoj similcelaj estas jam efektivigita. Per „Vegetarano" gazeto aŭ bulteno nacela jam ekzistas. Per „Vegetarano" la aranĝo de internaciaj kongresoj k. t. p. jam estas faciligata.

Rilate je tiu ĉi lasta punkto mi ne povas ne citi, ke danke al la fervora helpo donita precipe de samideaninoj Noll kaj Roskes nia organizo jam ekhavis la simpation de la I. V. U. (tio estas la Internacia Vegetara Unuiĝo fondita 1908, kiu ne havas individuajn membrojn, sed unuigas la diversajn vegetarajn organizojn). Tiu internacia ne-Esperanta organizo jam uzas parte nian organon kiel informilon, kaj ni jam intertraktis, por ke „Vegetarano" fariĝu ĝia oficiala organo kaj Esperanto (ĝis nun nur permesata lingvo) ĝia oficiala lingvo. Al tiu celo nin estis pliproksimigonta la internacia Kongreso de Vegetaranoj en Londono 1926 Mi dubas, ĉu nia tasko plifaciliĝus per la fakto, ke ekzistas tri diferencaj organizoj aŭ revuoj (ĉar en Esperantujo revuo aŭ organizo estas preskaŭ samsignifa) kun simila celo. Krom tio ni ĉiam insistas pri la klara vorto „Vegetarano" en la titolo de nia organo, vorto, kiu estas programa kaj enhavas tute klare tion, kion Tolstoj nomas La Unua Ŝtupo.

Oscar Bünemann

---

## Pacifismo

La Universala Esperantista Pacifista Ligo havis kunsidon en Ĝenevo, kiu decidis, lokigi la centron en Hago, Nederlando. La estraro nun konsistas el: s-no Julia Isbrücker, van Beverningkstraat 10 Hago, prezidantino; f-no H. de Lange, Frederik-Hendriklaan 65, Hago, sekretariino; s-ro G. Wirix, kasisto, Papaverhof 19, Hago.

La organizo per naciaj aŭ landaj sekretarioj estas simila al tiu de nia Vegetara Ligo Esperantista. La landaj sekretarioj fiksas la jarajn kotizojn; minimume ĝi egalos la duoblan prezon de afranko por eksterlanda letero.

La ĉefa tasko de la Ligo en la unuaj jaroj estas la propagando de Esperanto en la pacifistaj rondoj. Tial skribu al pacifistaj unuiĝoj en via urbo (lando) aŭ vizitu ilin, por insisti pri la utilo de Esperanto. Invitu ilin aranĝi paroladon pri esperanto en siaj rondoj. Proponu al ili, ke ili nomu apartan Esperanto-sekretarion, kiel jam faris la Ligo de Virinoj por Paco kaj Libero en Aŭstralio.

Personoj, kiuj estas pretaj, esti urbaj aŭ landaj sekretari(in)oj de la Universala Esperantista Pac. Ligo kaj plenumi serioze ĝian programon, skribu al la sekretariino.

Laŭ raporto de s-no Isbrücker, prez.

**Kion mi povas fari, por akceli la pacon?** La diplomatoj, politikistoj, gazetistoj ĝenerale agas sendepende de viaj manifestadoj, protestoj, deziresprimoj k. t. p., kaj bedaŭrinde ĝenerale ili agas malbone. Efektivan laboron por la paco vi povas fari nur individue, kaj por ĝi la plej grava helpilo estas: lerni la internacian lingvon Esperanto. Tio estas la laboro, kiun ĉiu ajn persono povas fari, kaj ĝi estas gravega, utilega. Alia laboro por paco estas la vivtenado laŭ principoj de vegetarismo. La vegetarismo enhavas en si mem abomenon kontraŭ sangverŝado, do ankaŭ kontraŭ la milito. La Kulto de la Vivo, kiu estas la principo de vegetarismo, estas esence kontraŭa al la Kulto de la Morto, kiun prezentas la milito. Insistu pri tiuj du puktoj, kiam vi babilas kun pacifistoj.

Dum la dudekkvara internacia Kongreso de la Paco, en Parizo, 1925, la bezono de Esperanto estis forte sentata, kaj feliĉe kelkaj fervoraj samideanoj efike insistis pri la utilo de Esperanto. La rezulto de la kongreso ne estas tre kontentiga por ni, kiuj opinias, ke ĉefa rimedo por la paco estas obstina rifuzo de ĉiu pensanta homo, obei al devo de armea servo. Kiam la militemuloj ne trovos plu militantojn, ilia agado restos senefika. Eduki la tutan homaron al ribelo kontraŭ la malbono, kiun prezentas militservo, estas nia devo. O. B.

## Informetoj, respondoj k. t. p.

LA REDAKTANTO ne povas individue respondi al ĉiu letero aŭ poŝtkarto ricevata.

ELĈERPITAJ estas ĉiuj ekzempleroj de la „Vegetarano" VIII 1 kaj de la plej multaj antaŭaj numeroj.

HOTELOJ VEGETARAJ „Pomona" en Hago, Molenstraat 53, kaj en Roterdamo, Nieuwe Havensteeg 5 (Nederlando), estas modelaj aranĝoj por vegetaranoj kaj devus esti vizitataj de ĉiu samideano vizitanta tiujn urbojn. Ili estas samtempe restoracioj kaj kafejoj.

VEGETARA RESTORACIO EN ZURIHO (Svisujo) posedanto E. Hiltl, Sihlstr. 26/28. Tre rekomendinda vegetara manĝejo kun propra kukfarejo. Senalkoholaj vinoj.

REPRESO EL VEGETARANO estas permesata kondiĉe, ke oni citu la fonton de la artikoloj.

MANFRED KYBER. La fabelo „La Laboro antaŭ la Tagiĝo" en tiu ĉi numero estas prenita el la libro „Märchen" de tiu ĉi aŭtoro aperinta en la eldonejo Walter Seifert, Stuttgart-Heilbronn. En la sama eldonejo aperis ankaŭ aliaj verkoj de tiu ĉi atentinda aŭtoro, ekzemple „Unter Tieren" (Inter Bestoj), el kiu ni prenis la belan fabelon „Mutaj Petoj" aperintan en Vegetarano VI-3.

LA INTERNACIA VEGETARA KONGRESO, organizata de la Internacia Vegetara Unuiĝo, okazos pentekoston 1926an en Londono. Ni esperas, ke kelkaj nebritaj Esperantistoj Vegetaranoj povos ĝin partopreni kaj ke la Londonaj samideanoj zorgos, por ke Esperanto ludu tie konvenan rolon.

## Kvitanco

pri pagoj ricevitaj post la kvitanco en „Vegetarano" VIII 3: Barkauskas Lid. 6·—, Ingelevičius Lid. 6·—, Litova Vegetara Asocio Lid. 4·—, Kč. 5·—, Dana Vegetara Asocio dkr. 10·—, Blicher, Noll, Date, Schiött, Rye po Dkr. 3·50, Alessio Lit. 20·—, Moscheles, Deane, Ede, Heath, Reed po ŝ. 4·—, Ječius, Duda po Dol. —·50, Dor. Hyams ŝ. 5·—, Hiekel, Langhans, Bojda po kč. 20·—, Mai kč. 65·—, Göransson skr. 3·—, Sexauer Dol. 1·—, Park M 2·09, Olsson skr. 3·— Merrick ŝ. 4·—.

Presejo de la Koopera Societo „Posrednik" Sofio (Bulgarujo), strato Vitoŝka № 48